# BEL informas

Nº 14
AŬG/84

INFORMA BULTENO DE BRAZILA ESPERANTO - LIGO
Boletim Informativo da Liga Brasileira de Esperanto


Praça da República, 54 - 2º andar - Tel. 232-6309
20.211 - RIO DE JANEIRO - BRASIL


**IMPRESSO**

## VERDAJ HIRUNDOJ EN CAMPINAS

Ripetiĝante natura fenomeno, en la pasinta julio, centoj da hirundoj invadis la urbon Campinas. Sed, ĉi-foje, ne temis pri la tre konata birdeto de la loĝantoj de tiu urbo. Temis pri iu specifa hirundo - verdkolora. Ili venis el ĉiuj partoj de la lando, de la nordo ĝis la sudo, de la okcidento ĝis la oriento. Kelkaj venis el najbaraj landoj (Argentino, Urugvajo kaj Kolombio); aliaj eĉ el Eŭropo: estis la esperantistoj kiuj respondis al la alvoko de la tri landaj brazilaj organizaĵoj (BEL, BKE kaj KKE), cele al partopreno en la XX Brazila E-Kongreso (12 - 15/7/84), unuafoje aŭspiciita de tiuj asocioj kaj lerte organizita de São Paulo E-Asocio.

En harmonia etoso 437 kongresanoj diskutis la ĉef-temon de la Kongreso "Integriĝo en la brazila Esperanto-movado". Pri ĝi rezultis rezolucio (la kompleta teksto aperas sur la alia flanko).

La cetero de la Kongreso estis: solena malferma kunsido, diverstemaj prelegoj, kursoj (baza kaj konversacia), fakaj kunvenoj (artistoj, vegetaranoj, katolikoj, spiritistoj, junularo, oomotanoj, filozofoj kaj aliaj), aŭkcio, arta kunsido ktp ...

Escepte de la Meso kiu okazis en la Katedralo kaj la inaŭguro de monumento al Zamenhof, ĉe Placo Napoleão Laureano, ĉiuj kunvenoj okazis aŭ en la Ruĝa Salono de la Urbo-Domo aŭ en la ŝtata Lernejo Carlos Gomes.

Ĉe la fino, la verdaj hirundoj adiaŭis unuj la aliajn konvikitaj pri la progresanta kunlaboremo inter la tri landaj organizaĵoj, efektivigita pere de NEK (Nacia Esperanto Komisiono), por digne celebri la Centjaran Jubileon de Esperanto.

P.S. - La XXI Brazila Esperanto-Kongreso okazos en julio/85, en Belo Horizonte, Minas Gerais.

Supre: Solena Malferma Kunsido.
Flanke: Prezidanto Marinho, nome de BEL, prezentas tezon pri la Kongresa Ĉeftemo.

## REZOLUCIO DE LA XX BRAZILA KONGRESO DE ESPERANTO

### Kongresa Ĉeftemo

Oni prezentis kelkajn tezojn kaj opiniesprimojn, kiuj, aŭ pledis por toleremo kaj amo, aŭ estis variantoj de proponoj pri kunfandiĝo de la tri tutlandaj organizoj.

Pri la neceso de toleremo, amo kaj kunlaboremo ĉiuj unuanime konsentas.

Pri la maniero, eblo aŭ eĉ neceso de la kunfandiĝo forestas la unuanimeco, ĉefe, sed ne nur, flanke de la respondeculoj pri la tri organizoj.

Tial, konsiderante ke:

1) la tri organizoj jure ekzistas kaj fakte fruktodone laboris kaj laboras por Esperanto;

2) Ili pli kaj pli kunlaboras kaj emas pluiri tiun vojon;

3) Ties respondeculoj jam konsistigas iuspecan superan konsilantaron por la komuna agado;

4) Ni ne estas tiel riĉaj je sindonaj, malavaraj kaj kompetentaj porbatalantoj, ke ni povas facilanime perdi kelkajn;

5) La ĉefaj plendoj celas la disdividon de la fortoj kaj la ekziston de pluraj kotizoj,

Ni rekomendas ke:

1) eventuale survoje al estonta iama kunfandiĝo, oni faru pluan paŝon per la enkonduko de unu sola kotizo;

2) cele al plia demokratigo, oni enkonduku en la tri organizojn la perleteran balotilon ;

3) oni dividu la taskojn je, ekzemple: informado, interna vivo, instruado;

4) oni daŭre havu la superan kunordigadon de NEK;

5) oni publikigu unu solan gazeton (monate).

Supre: Grupo da kongresanoj antaŭ la ĵus inaŭgurita monumento al Zamenhof.
Flanke: Detalo de la monumento.